# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 01/11/2016 Ducentnaŭdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **620,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



## La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas

ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



La membroj de la Melburna Esperanto-klubo renkontiĝis kiel kutime pasintan lundon. Post prelego de Marcel pri lingvaj eblecoj en Esperanto ni diskutis la peton de Renato Corsetti pri la tradukado de "1001 Noktoj". Nia klubo decidis helpi kun tiu granda tasko kune kun mil kaj unu esperantistoj!. Ĝi fakte estas tre grava verko, kiu estis tradukita en la 19a jarcento de la araba en la anglan. Eble aliaj kluboj en Aŭstralio pretas helpi kun tiu grava laboro.







Vidu la ligon je: http://uea.org/vikio/Mil-kaj-unu-noktoj.

Heather Heldzingen





# Klariga respondo al Franciska .



Estas komprenebla, ke ci konfuziĝas pri mia apliko de la regulo ke la signifo de kunmetaĵo ĉiam enhavas la signifon "speciala", la ekstran signifon de specialeco, ĉar mi aplikas ĝin ankaŭ al derivaĵoj, al kunmetaĵoj per afiksoj, kaj plej multaj aliaj ne faras tion, aŭ ne ĉiam. Mi faras tion, ĉar afiksoj en Esperanto estas plenrajtaj radikoj, sed en etnaj lingvoj aglutinaj oni ne faras tion, ĉar tie afiksoj ne estas memstaraj radikoj. Do la germana vorto "Roessel" (el Ross = ĉevalo) signifas iun ajn malgrandan ĉevalon, eĉ grandan ĉevalon se ĝi estas aminda, dum la Esperanta vorto "ĉevaleto" signifas "speciala speco de malgranda ĉevalo", angle "pony", kaj malgranda ĉevalo signifas malgrandan ĉevalon. Same "Tischlein" (el Tisch = table) signifas iun ajn malgrandan tablon, dum "tableto" signifas "speciala speco de malgranda tablo", nome tiun kiun oni ofte havas apud sia lito. Plej ofte tiaj "et-vortoj" en Esperanto havas specialan vorton en la etnaj lingvoj, ne kun "et". Ekzemple en la angla "cottage" por "dometo". La samo okazas ĉe aliaj afiksoj, la angla "mansion" por la Esperanta "domego", dum "a large house" estas en Esperanto "granda domo", ne "domego". Mi sekvas tiun regulon konsekvence, parte por ne krei homonimojn, kiel "domego = 1) mansion kaj 2) granda domo". Sed parte la Esperantistoj preferas tion por eviti longajn vortojn, kiaj "dometo" por "malgranda domo", aŭ ĉar oni uzas neologismojn, kiaj "mansiono" kaj "kotaĝo" kaj "ponio". Krome ofte ne eblas uzi

afikson: ekzemple ne ekzistas la vorto "ĉevalego", ĉar ne ekzistas "speciala speco de granda ĉevalo".

Samtiale mi uzas "amegi" por la neologismo "amori", ĉar mi certas ke "amori" estas ne forte ami sed estas speciala speco de "ami". Per tiu speciala speco de ami, do amegi, mi ne amas miajn gefilojn. Do se mi tre forte amas ilin, mi diras tion per aldona vorto, kia "forte". Mia amo al mia amiko ne samas al mia amo por miaj genepoj, do mi ametas mian amikon, sed iu povas malforte ami sian postvenantulojn, ne "ameti". Interesas, kiel per unu radiko "ami" ni en Esperanto povas fari multajn nuancojn: ameti, amegi, ege ami, ete ami, ege ameti, ame ameti, ete amegi, ame amegi, k.t.p., k.t.p., k.t.p. Esperanto estas tre riĉa lingvo.

Cetere mi nur klarigis, ne juĝis, ĉar la afero dependas ĉu oni akceptas nenecesajn neologismojn. En miaj instruoj, tamen, mi klarigas la unuregulecon, sen esceptoj nek homonimoj.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kio estas lingvo por ni?

## 1). Rilatoj al nia elnaskiĝlingvo.

Ĉiu homo bezonas lingvon ne nur por interŝanĝi ideojn kun aliaj homoj, sed ankaŭ por pensi kaj paroli al si mem. Kutime tio estas nur unu lingvo, kvankam kelkaj popoloj, inter alie en Belgujo kaj en Svisujo, havas du elnaskiĝlingvojn. Ĉar tia elnaskiĝlingvo estas nepre necesa, la homoj traktas ĝin kun respekto, kvazaŭ ĝi estas persono, kaj oni akceptas ĝin, kia ĝi estas. Neniu penus ŝanĝi ĝin. Oni obeas ĝin kvazaŭ ĝi estas sankta. Ŝanĝi ĝin persone egalus al ludi pri ĝi, kaj oni ne faras tion.

## 2). Rilatoj al fremdaj lingvoj.

La fremda lingvo ne estas necesa, kvankam kelkfoje grava, sed oni akiras ĝin kiel kromaĵon. Oni ne sentas, ke oni devas obei ĝin, ĉar oni ne bezonas perfekte koni ĝin kiel oni devas sian propran lingvon. Oni sentas, ke la fremda lingvo estas propra lingvo por siaj elnaskiĝaj parolantoj, sed oni ne hontas mem fari erarojn en ĝi, pro tio ke oni ne centprocente bezonas ĝin por ideinterŝanĝado kun la parolantoj de sia propra lingvo nek por pensi. En la fremda lingvo, escepte de kelkaj homoj, oni ne bezonas pensi, kaj oni eĉ frivole povas proponi ŝanĝi ĝin aŭ ne obei ĝiajn regulojn, ĉar oni ne hontas fari erarojn. Ĝi tiel povas fariĝi ludaĵo, ĉar ĝi ne estas por oni sanktaĵo. Tamen serioze ni respektas fremdajn lingvojn kiel neŝanĝeblajn personaĵojn nur por iliaj regulaj parolantoj.

## 3). Esperanto.

Ankaŭ Esperanto estas fremda lingvo, kaj devas resti fremda lingvo por povi servi kiel fidebla lingvo internacia kaj kiel praktika interlingvo. Sed ĉar ne ekzistas etna popolo por kiu Esperanto estas necesa lingvo, ni tendencas rilati al ĝi eĉ pli libere ol al aliaj fremdaj lingvoj. Por ni ĝi ne nur estas nenecesaĵo, sed ni eĉ ne bezonas respekti ĝian formon kaj ĝiajn regulojn.

Esperanto por ni kutime estas nenecesa ludaĵo, kaj tial pluraj el ni traktas ĝin kiel temppasigaĵon kies enhavon oni ne bezonas respekti ĉar ĝi apartenas al neniu. Do por preskaŭ ĉiuj Esperantistoj Esperanto estas nur ludaĵo kiun oni rajtas ŝanĝi ĉar kies regulojn oni ne strikte bezonas obei.

Ĝi ne estas same potenca kiel etna lingvo kies parolantoj bezonas ĝin por pensi. Ekzemple oni ofte diras pri Esperanto erare, ke ne gravas la neregulaĵoj kaj ke estas bona, se estas iom da neregulaj diversaĵoj. Tiuj samaj homoj traktus sian propran lingvon multe pli respekte ol Esperanton, kaj neniam dirus pri sia propra lingvo ke ne gravas diri ekzemple france “J’ai venu” anstataŭ “Je suis venue” aŭ angle “I am come” anstataŭ “I have come”.

Ke tre multaj Esperantistoj ne ludas pri Esperanto kaj nur akceptas ĝin tia kia ĝin uzas la tiel nomataj spertuloj, estas pro tio ke ili deziras ĝin simple uzi por iu serioza celo aŭ okupo. Tiuj kiuj ne sentas ke ili devas obei ĉiujn regulojn pri Esperanto simple ludas pri ĝi, subkonscie.

Nur tre malmultaj Esperantistoj traktas nian lingvon kun normala respekto pro tio ke la lingvo kaj ĝiaj Fundament’ecaj reguloj estas por ili same strikte netuŝeblaj kaj gravaj kiel de etna lingvo. Nur ili ne ludas pri la lingvo ĉar juĝante ĝin sankta. En la pasinta jarcento ekzistis pluraj, sed nun ekzistas malmultaj da tiaj Esperantistoj, kaj hazarde mi estas unu el ili.

Ni bezonas pli da tiaj “neludantoj”, por ke Esperanto ne fariĝu ludaĵo por eŭropaj ludantoj. Ĉu Aŭstralio kapablas produkti kelkajn? Nur tiuj geamikoj kiuj estas konsciaj ke Esperanto devas disvolviĝi alimaniere ol naturaj lingvoj, povos tiel fariĝi niaj estontaj savantoj.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

## APERIS NOVA VERSIO DE ANDROIDA "RE-VO"

Kio estas PReVo? - PReVo estas portebla versio de la libera, esperanta "Reta Vortaro, Re-Vo" por androido, t.e. por tabulkomputiloj kaj poŝtelefonoj.

Ĝi estas uzebla sen retkonekto kaj ĝi estas rapide serĉebla per la klavaro.

PReVo estas libera kaj senpaga programo. La aktuala versio estas 0.14. – PRevo estas havebla el Google Play - aŭ vi povas elŝuti ĝin rekte ĉe http://busydoingnothing.co.uk/prevo/

La androidan version prizorgas Neil Roberts, kontaktebla per "bpeeluk@yahoo.co.uk" .

*Lingvo-Studio, L.S* www.eventoj.hu

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero

**Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro**





. Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au

# Vespero de ludoj



Kiel ĉiun lastan sabaton de la monato Jo, Tristan, Peter J, Peter W; Bernie kaj Franciska renkontiĝis en la "Rifuĝejo de la alĥemisto" , en la centro de Melburno, pasintan sabaton, por ludi diversajn ludojn.
"Hanabi" (mi ne scias de kiu lingvo devenas tiu vorto) estas nekutima ludo, ĉar anstataŭ konkuri por venki laŭ la regulo de la kapitalista mondo, la kunludantoj devas kunlabori. Neniu rajtas rigardi siajn proprajn kartojn sed ĉiu ludanto agas laŭ la informoj de la aliaj ludantoj. La grupo fariĝas teamo kaj la rezulto estas takso de la nivelo de kunlaborado.
Ĉu eblas esperi ke infanoj ludu pli da tiaj ludoj cele evoluon de la rilatoj inter homoj?



**Raportas Franciska Toubale**

# La Zamenhofa tago (15-a de decembro)



estas la naskiĝtago de L. L. Zamenhof (1859-1917 kaj la plej vaste celebrata festotago en la Esperanto-kulturo. En tiu tago aŭ en alia konvena semajntago ĉirkaŭ ĝi, esperantistoj tra la mondo okazigas specialajn renkontiĝojn por festi la okazon

https://youtu.be/oqQ-tHVb49w?t=10









**LA ESPERO** Esperanta himno Bonega por Zamenhofaj Festivalaj kunvenoj



# 3ZZZ



Bedaŭrinde la elsendo de la 28a de novembro ankoraŭ ne aŭskulteblas en la retejo de 3zzz pro teknika problemo en la radiostacio.Tamen dank'al la kunlaboro de Svetislav Kanacki kaj Joanne Johns eblas ĝin aŭskulti el la arkivejo de la Melburna Esperanto societo www.esperanto.com.au.

En intervjuo Guy Martin raportas pri la solvoj de kapitalistoj por reagi al la klimatŝanĝo sen ŝanĝi ilian manieron produkti laŭ Noemi Klein. Vi trovos ankaŭ pli da konsiloj por esti sana raportas Franciska Toubale

# Paul Desailly, Komentoj de ESK numero 125



la 30an de Novembro 2016

Traleginte sur la *Antaŭparolon* de la plej freŝa *ESK* mi rimarkas. en ties unua paragrafo ke al Don, Nicole kaj Vera, tiu ĉi amatoro, mi ŝuldas dankojn. Alivorte, ne nur al David en Velingtono mi dankas. Kiel ajn, danke al redakt-polurado modelstile aperas *Diplomatio estas senpova: problemoj ĉe la Ligo de Nacioj samas ĉe UN nun.*

Sur la dua kolono de paĝo 20 kaj la unua de paĝo 21 kuŝas interesa fotaĵo (nun en la Nov-Jorka arkivo de UN) en kiu Einstein, Nitobe, (Bergson mi konjektas estas situanta en la mezo?) kaj aliaj gravuloj montriĝas dum momento de interkonsiliĝoj. Mi al vi nun disponigas la koncernajn vizaĝojn ĉar spaco en *ESK* kompreneble mankas por aperigi la tutan ĉi teman materialon. Parenteze, anglalingva traduko haveblas senpage kaj senkopirajte ĉe mi en kiu multaj elektronikaj ligoj estas arigitaj por asisti arkivan enketadon ktp.

Eble legantoj de *ESK*, ne necese nur tiuj kiuj samaĝas kiel Marcel rekonas iujn famulojn ĉe tiu Svisa tablo da konsultado? Alternative, eble la demando trovos sian lokon enkadre de la famaj kvizoj de Trevor por malkovri la nomojn de diversaj konsilistoj al mi ne konataj.



Inazô Nitobe, en malfono, ŝajnas neimponita en Ĝenevo rilate al la Komitataj diskutoj.

Paul Desailly

# Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 654 2016-11-29

## KONKURSO POR PAĜARO PRI ZAMENHOF

UEA lanĉas konkurson por kreado de paĝaro pri Zamenhof okaze de la Zamenhof-Jaro, kiu okazos en 2017.

Se vi fakas pri retejo-kreado, prezentu vian proponon por krei retejon pri Zamenhof.

**Kion?**

La nova retejo enhavu detalan kaj allogan prezenton pri la vivo, verkoj, fotoj, filmetoj, citaĵoj kaj idearo de Zamenhof.

La retejo celas enkadriĝi en la iniciatoj rilataj al la Zamenhof-Jaro, sed ankaŭ esti uzebla post 2017 kiel ĉefa informejo pri Zamenhof. Tial, ni antaŭvidas ke post la lanĉo de la retejo la laboroj daŭros la tutan jaron, sekvantan la okazaĵojn rilate al la Zamenhof-Jaro.

**Kia ĝi estu?** La strukturo estu tia, ke:

ĝi povu mem rekoni la lingvan preferon de la uzanto, kaj montri la retejon tuj en tiu lingvo

ĝi devas doni eblon havi pli ol 50 diversajn lingvoversiojn.

**Rilate al la aspekto, ni konsideros**:

la ĝeneralan belecon kaj agrablecon

la implicitajn mesaĝojn: moderneco, diverseco, amikeco

**La informoj en la retejo estu:**

bone organizitaj

allogaj, detalaj - ja ni celas ĝin kiel ĉefan informejon pri Zamenhof

diversaj (filmetoj, fotoj, tekstoj)

**La administrado estu:**

farebla por ne-komputilistoj

facile ĝisdatigebla (ni atentu pri sekureco)

diversaj homoj devas havi la eblon havi diversajn administrajn rajtojn

facile tradukebla

La retejo estu optimumigita por serĉiloj:

la ligiloj kaj enhavo devus esti kompreneblaj de robotoj

**Pri tekniko:**

La retejo devos baze funkcii per PHP (kongruante kun versio 5.6) ĉar ĝi devus funkcii sur la serviloj de UEA.

Se la retejo uzas Drupal, prefere uzu 8.1.x

Se la retejo uzas Wordpress, prefere uzu 4.6.x

Se la retejo uzas Jomla, prefere uzu 3.6.x

Se la retejo uzas symfony, prefere uzu 2.7.x

Se vi havas dubojn pri la kongrueco kun niaj serviloj, ne hezitu demandi.

**Reguloj:**

La limdato por prezenti vian proponon estas la 12-a de decembro je la 14-a horo laŭ la horzono de la Centra Oficejo, en Roterdamo. Por kandidatiĝi, bonvolu sendi bazan grafikan ideon kaj planon pri la strukturo de la retejo.

La Estraro de UEA decidos pri la gajninta propono.

La gajninto de la konkurso devos liveri la retejon plene funkcianta, adaptita al la petoj de la Estraro, kaj preta por ricevi nacilingvajn versiojn ene de 30 tagoj post la anonco de la gajninto.

**Por pliaj informoj**

Se vi havas demandojn aŭ por sendi vian proponon skribu al zamenhofjaro100@gmail.com

* * * * *